# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 7.82

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08

Konto de HES: 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".


### Nia programo

Septembro 1982:

2.9.: Okazos biblioteka vespero sub la gvido de s-ro Johann Eitmann.
9.9.: Thomas Bormann raportos pri diversaj junularaj Esperanto-aranĝaĵoj okazintaj ĉi-somere: la 2-a franc-germana seminario en Aix-en-Provence, la bicikla karavano tra Francio, kaj la 38-a Internacia Junulara Kongreso en Leuven, Belgio.
16.9.: Volo Gültling montros lumbildojn pri Aŭstralio.
23.9.: Sub la gvido de Elsbeth Wielgus kaj Benno Klehr ni amuziĝos kaj lernos ion pere de 'lingvaj ludoj'.
30.9.: Edgar Müller-Wend montros lumbildojn pri la itala insulo Capri.

Oktobro 1982:

7.10: Temo de la vespero: Kio grava okazis en la pasinta monato? Eventuale ni uzos la revuon 'Monato' tiucele.
14.10: EKSTERORDINARA ĈEFKUNVENO 20-a horo
Außerordentliche Hauptversammlung 20⁰⁰ Uhr
Sehr wichtig! Vorstandsneuwahlen!

ååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååååå

### Prof. Frank prelegos en Hamburgo

Je mardo, la 26-a de oktobro 1982, prelegos prof. Helmar Frank, Paderborn, pri la temo

"Fremdlingva instruado ekde la 3-a lerneja jaro - spertoj kun la Paderborna Modelo".

La prelego okazos en la "Hauptgebäude" de la universitato,

Edmund-Siemers-Allee 1, vidalvide de la stacidomo "Dammtor". La prelego kaj la sekvanta diskuto okazos inter la 16-a kaj 18-a horo en salono K. Ĝi estos en germana lingvo, do bv. varbi interesitojn veni tien.
Organizas la aranĝaĵon la "laborrondo 'Internacia Lingvo Esperanto' el anoj de la hamburga administracio". Pliajn demandojn volonte respondas s-ro Gerhard Hein, tel. 701 94 08.

## Keglado

Okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Wappenhof", Borgfelder Str. 14, Hamburg 26 (ĉe Berliner Tor). La venontaj datoj: 10.9.; 8.10.; 5.11. (ĉiam ekde la 20-a horo).

## NOGELO-tagoj

Kiel jam estis menciite en la antaŭa informilo, inter la 24-a kaj la 26-a de septembro 1982 okazos la venonta kunveno de Nordgermana Esperanto-Ligo en Herzberg/Harz. Kadre de tiu aranĝo vi ankaŭ povas aŭdi novaĵojn pri la planita dusemajna vojaĝo tra Popola Respubliko Ĉinio en julio 1983. Pliajn informojn vi povas ricevi de: Esperanto-Societo Südharz, Grubenhagenstr. 8, 3420 Herzberg, telefono 05521-1363 aŭ 4936.

## 26-a Internacia Seminario

"La tradicia familio en la krizo" - jen la temo de la 26-a Internacia Seminario, kiun organizas Germana Esperanto-Junularo kaj Germana Esperanto-Asocio. Tiu seminario celas unuavice lingve progresitajn Esperanto-parolantojn, kiuj emas diskuti la temon kaj vespere ankaŭ iom amuziĝi. Jam por la 4-a fojo ne nur estas invititaj junuloj, sed ankaŭ mezaĝuloj (ĝis proksimume 50-jarojn aĝa) kaj junaj familioj (funkcios infanzorga servo).
Taŭga gast-urbo por tiu seminario estas Oberwesel ĉe la Rejno, inter Koblenz kaj Bingen. Datoj: 27-a de decembro 1982 ĝis 3-a de januaro 1983.
Pliajn informojn kaj aliĝilon havas por vi: Uschi Felhölter, Töpferstr. 20, 4500 Osnabrück, tel. 0541-433825.